6a JARO. MARTO 1914. 5a N° (65)

# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| Oscar VAN SCHOOR | Frans SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# BELGA KRONIKO

La Sesa Belga Esperantista Kongreso, kiel la legantoj de *Belga Esperantisto* ja scias, okazos en Mechelen, la 31an de Majo kaj la 1an de Junio.

Kelkaj samideanoj dubis pri ĝia sukceso kaj timis, ke Mechelen ne estas taŭga urbo por kongreso, ĉar tie la esperantista afero ĝis nun nur malmulte progresis.

Nu, tiu argumento estas tre bona... por pravigi la decidon de la Ligo, ke la Sesa Belga okazos en la malnova flandra urbo. Se Esperanto dormetas en Mechelen, la Kongreso ĝin vekos.

Sed ĉu tie ekzistas samideanoj sufiĉe lertaj kaj sindonaj por organizi la Kongreson ? Mi mem iomete dubis pri tio, sed nun ĉia dubo foriĝis.

Kun kelkaj bonaj esperantistaj geamikoj —F-ino Posenaer, S-roj Van Schoor, Schoofs kaj Vermandel (*) — mi veturis al Mechelen kaj renkontiĝis kun du agemaj tieaj samideanoj, S-roj Van Petegem kaj Jan Van de Velde. Kaj jen la sciigoj, kiujn ili bonvolis doni al ni (kompreneble el tiuj sciigoj kelkaj ne estas ankoraŭ certaj, neŝanĝeblaj).

La Organiza Komitato estas jam kunmetita, kaj konsistas el S-roj Van Petegem, prezidanto ; Van de Velde, sekretario-kasisto ; F-ino Solvyns, S-roj Beeck, Cabus, Hubert kaj Michiels, membroj.

Oni kunmetadas nun ankaŭ Honoran Komitaton ; S-ro Dessain, urbestro de Mechelen, espereble estas honora prezidanto.

La 31an de Majo okazos oficiala akcepto de la kongresanoj en la Urbestrarejo ; poste okazos la ĝenerala kunsido de la *Belga Ligo* en la Urba Festĉambrego, festeno kaj teatra vespero. Tiu lasta festo estos unu el la plej brilaj, kiujn la esperantistoj jam organizis en Belgujo. Oni ludos *Hejma Paco*, de Courteline, tradukitan de S-ro Schoofs (geaktoroj : F-ino Vermeu-

(*) S-ro Jan Jacobs, kiu intencis ankaŭ akompani nin, ne povis kuniri.

LEN kaj S-ro A. VAN DE VELDE) ; *Angla lingvo sen profesoro*, de TRISTAN BERNARD, tradukitan de XXXXXX (geaktoroj : Gentaj samideanoj), kaj fine *Bietje*, la ĉarman teatrajeton de MAURITS SABBE, tradukitan de mi (geludontoj : F-ino MARGUERITE BERTRIJN, de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen, S-roj DE WAEGENAERE, de la Popola Teatro de Antwerpen, kaj A. VAN DE VELDE).

La sekvontan tagon, oni faros ekskurson al Willebroeck, kie oni vizitos la paperfabrikejon DE NAEYER ; vespere okazos belega sonorilarkoncerto de l'fama artisto S-ro DENYN.

Vi vidas, karaj legantoj, ke niaj samideanoj en Mechelen jam estas preskaŭ pretaj !

S-ro VERMANDEL eldonis kvar seriojn da belaj reklammarkoj por la Sesa Kongreso. Tiuj markoj estas mendeblaj ĉe li, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen.

En la venonta numero de *Belga Esperantisto* aperos artikolo, kun belaj kliŝajoj, pri Mechelen ; niaj legantoj povos konstati, ke la urbo estas tre interesa kaj nepre indas viziton.

Do, samideanoj, ĉiuj al la Sesa Belga !

D-ro W. VAN DER BIEST.

**BRUSSEL.** — Por ebligi la aliĝon de samopinianoj ne parolantaj Esperanton, S-ro R. DE LEENER malfermis kurson, en la *Socialista Grupo*.

La grupon vizitis itala samideano, S-ro PONZA, kiu, reveninte el Argentinujo, sprite parolis pri sia interesa vojaĝo. La kunvenoj okazas regule ĉiun dimanĉon, je la 7a vespere, 23, Boulevard du Hainaut. KAMARADO.

**CONTICH** (apud Antwerpen). — La 3an de Februaro malfermiĝis kurso, gvidata de S-ro JUL. JACOBS. JAN.

**GENT.** — Nova kurso malfermiĝis la 2an de Marto. — S-ro VAERENDONCK faris poresperantan paroladon en la *Willemsfonds*, kun tre granda sukceso. Diversaj samideanoj « enkadrigis » tiun paroladon per belaj kantoj kaj deklamoj. BLAK.

**NIVEZÉ** (apud Spa). — S-ro J. DESONAY, la simpatia sekretario de l' grupo de Spa, informis min, ke, post parolado farita de li en Nivezé, li sukcesis organizi Esperantan kurson en tiu komunumo. Ni esperu, ke baldaŭ esperantista grupo floros en Nivezé ! H. PETIAU.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — (1) La jena rakonteto prikskribas, kiel Esperanta firmo havigis al si tre valoran informon per U. E. A. kvankam ĝi mem ne konis la korektan nomon de la objekto, kiun ĝi serĉis !

La firmo, interesante sin pri la terborado, skribis al la Delegito por Londono, petante, ke li havigu la adreson de la fabrikisto de *Diamondite*, speco de ŝtal-kugletaĵo por terborado. La Delegito tuj komencis enketon, kiu tamen estis sensukcesa. Li tiam skribis al la *Board of Trade*, kaj post 10 tagoj tiu ĉi respondis, ke kvankam demandoj estis faritaj ĉie, ili ne povis eltrovi la nomon de la fabrikanto. Ili tamen diris, ke la enketo ankoraŭ daŭras. Atendinte kelkajn tagojn sen plua informo, la Delegito decidis fari pluan klopodon, kaj li komunikis kun la fama firmo VICKERS *Limited*, demandante, ĉu ĝi povas helpi. Atend

(1) El *Esperanto*.

ante ilian respondon, letero venis de la *Board of Trade*, dirante, ke ĝi sukcesis trovi la fabrikanton de la objekto, HARRISON *Fratoj*, Middlesborough. La venontan tagon respondo venis de VICKERS, konsilanta al la Delegito sin turni al la ABBEY CHILLED SHOT KO., Newcastle. Li tion faris, kaj ili respondis, ke la demando estas transsendita al HARRISON *Fratoj* (jus rekomendita de la *Board of Trade*), kiu fabrikis ne *Diamondite* (kiu ne ekzistas), sed *Diamond Grit*, kiu ŝajne estas la produktaĵo bezonata. Je la sama tago letero venis de HARRISON *Fratoj*, entenanta detalojn kaj specimenojn de *Diamond Grit*, kiuj estis tuj senditaj al la germana firmo. La specimenoj senditaj estis la ĝusta objekto serĉita, kaj la firmo estis tre dankema pro la rezulto de sia demando. Ĝi nun senpere komunikas kun la fabrikantoj.

Kio estas la rezulto de la suprecitita servo? Unue, valora informo estas ricevita per Esperanto, malgraŭ la nekono de ĝusta nomo de produktaĵo serĉata. Due, la kosto de la tuta afero estis preskaŭ nula, nur poŝtaj elspezoj. Kaj laste, bonega kaj konvinka propagando estis farita ĉe tri grandaj anglaj firmoj kaj ĉe grava Registara Departemento.

**FRANCUJO.** — La Organiza Komitato de la Deka decidis presigi 5000 afiŝojn, 50.000 poŝtkartojn kaj 100.000 glumarkojn. La fakaj kunsidoj okazos la merkredon, kaj la sekvontan tagon la kongresanoj ekskursos al Versailles.

— Por subteni la Parizan Kongreson la firmo HACHETTE kaj K-io donacis 2000 frankojn kaj la Francuja *Touring-Club* 250 frankojn.

— En Alger S-ino GONNET, pensiita instruistino, faras specialan kurson por infanoj, kiun ĉeestas 60 lernantoj.

— S-ro LELARGE, la laŭreato de la Konkurso MICHELIN, propagandas inter la junularo en Poitiers. Dank' al liaj kuraĝaj klopodoj fondiĝis en tiu urbo nova grupo enhavanta 110 junulojn.

— La Akademia Inspektoro en Poitiers sciigis sian instruistaron, ke estonte li egalvalorigos la Esperantajn kursojn kun la aliaj postlernejaj institucioj kaj havigos al la instruistoj de tiuj kursoj la profitojn donatajn al tiuj de la aliaj kursoj.

— Ĉe la Parizaj framasonoj okazis, la lastajn monatojn, kelkaj iniciadoj per Esperanto.

— Alilandaj policanoj, inter kiuj kelkaj tre altrangaj, sciigis jam sian intencon ĉeesti la Parizan Kongreson kaj partopreni samtempe en speciala kunveno pri policaj aferoj. S-ro HENNION, polica prefekto, konstatinte la mirindajn rezultojn donatajn de la uzo de Esperanto inter diverslandaj policanoj, apogas bonvole la klopodojn de l' esperantista grupo de la Polica Prefektejo.

— La nombro de la kongresanoj enskribitaj superas jam 1400.

— Katalunaj geaktoroj ludos la komedion *Georges Dandin*, de MOLIÈRE, tradukitan de D-ro ZAMENHOF.

— La ĉefaj Parizaj ĵurnaloj akceptos la alilandajn ĵurnalistojn.

— Blindajn kongresanojn loĝigos senpage la Instituto de la Blindaj Junuloj. La Ministerio de la Internaj Aferoj speciale konsentis pri tio.

— Scienca kunveno okazos en la Sorbonne.

— La Ĝenerala Konsilantaro de la departemento Seine voĉdonis 500 frankojn por la Organiza Komitato de la Xa Kongreso.

— (1) Ni estas feliĉaj informi niajn legantojn, ke granda karavano estas organizita post la Pariza Kongreso al la historiaj kasteloj apud la bordoj de la rivero Loire. Tiu karavano estos organizita de la Esperantista Federacio de Centrokcidenta Franclando (Esperantia Entrepreno), sub la aŭspicioj de U. E. A. kaj konsente kun la Organiza Komitato de la Kongreso.

Ni ne dubas, ke tiu bela regiono tiel riĉa je historiaj memoraĵoj kaj famekonataj pejzaĝoj, kiu enhavas la ĉefpriaŭdatajn kastelojn de Blois, Chambord, Amboise, Chenonceaux, Langeais, Angers, k. t. p., allogos grand-

(1) El *Esperanto*.

an nombron de ekskursontoj. La esperantistaj grupoj kaj Delegitoj de la trapasotaj urboj Orléans, Blois, Tours, Saumur, Angers, sin metos je la dispono de la vojaĝontoj por ilin gvidi kaj informi dum la vojaĝo. Por ĉiuj informoj sin turni al la Prezidanto de la Centrokcidenta Federacio, S-ro GROSJEAN, 14, place Rabelais, Tours, aŭ al la Sekretario, Delegito de U. E. A., S-ro MAURICE PATIN, 40, rue Michelet, Tours.

**GERMANUJO.** — (1) La oficejo de *Germana Esperanto-Asocio* faris la statistikon de la artikoloj (nur la redakciaj notoj, sen la simplaj anoncoj) aperintaj dum 1913 en la germana gazetaro. El tio rezultas, ke en 1019 germanaj urboj aperis *2528* artikoloj ; la granda plimulto el ili estas favoraj. La statistiko montras, ke dum la kongresmonatoj la nombro de gazetartikoloj duobliĝis. Dezirinde estus, ke simila statistiko estu farata en aliaj landoj.

— (2) Dum la venonta jaro Leipzig estos centro de la esperantista movado. Estas sufiĉe konate, ke tiu urbo posedas unu el la plej grandaj universitatoj de la tuta mondo, kaj pri la grandegaj mondfirmoj de la librindustrio kaj eldonado oni aŭdas ĉiulande. En tia urbo, kiu pli ol alia partoprenas en la mondkomerco, kiu havas la plej diversajn internaciajn rilatojn, la ŝatateco de Esperanto estas tre grava.

La *Reĝa Esperanta Biblioteko* estas ĝis nun ne superata de alia. En la bela publika legoĉambrego estas elmetitaj ĉiuj Esperantaj gazetoj. La oficisto havas la devon alporti ĉiun libron aŭ gazeton, kiun oni deziras. La uzado estas tute senpaga, eĉ la pruntepreuado por kelkaj semajnoj. La *Reĝa Esperanta Biblioteko* prezentas sekve vere idealan okazon por studi nian lingvon.

La jaro 1914 estos precipe grava por la esperantista movado en Leipzig. Jam nun oni preparas la *internacian mondekspozicion por librindustrio kaj grafikaj artoj*. La plej multaj kulturnacioj de la tuta mondo partoprenos oficiale la ekspozicion. Sur la *strato de la popoloj* troviĝos apud la pavilonoj de la diversaj nacioj ankaŭ *Esperanta pavilono*, kiu enhavos ĉion, kio rilatas al nia movado, ekzemple la tutan Esperantan literaturon, la kompletan gazetaron, prospektojn, katalogojn, k. t. p. En speciala parto, *Esperanto en la lernejoj*, kie troviĝos skribaĵoj, tradukaĵoj kaj korespondaĵoj de la Esperantaj lernantoj, oni ekkonos la praktikajn spertojn de la Esperantaj instruistoj. Per bona *certa statistika materialo* oni intencas propagandi. Tial mondkartoj estas desegnotaj, sur kiu tre legeble estos videblaj ĉiuj urboj kaj lokoj, kie ekzistas esperantistoj. Kompleta jarlibro enhavos ĉiujn grupojn kaj esperantistajn asociojn, kiuj respondos la skribaĵon sendotan de la *Saksa Esperanto-Instituto*. La Esperanto-pavilono en la mondekspozicio estos por nia movado efikega propagandilo, ĉar multaj miloj da vizitontoj per la rigardo devos konvinkiĝi, ke Esperanto jam nun estas grava movado, kiun oni ne povas malesimi. La Esperanta popolo jam nun postulas sian spacon en la *strato de la popoloj*.

Kelkaj aliaj partoj de la mondekspozicio uzas ankaŭ Esperanton por siaj celoj, ekzemple la risorto por reklamafiŝoj. Per Esperanto oni kolektas la ĉiuspecajn reklamafiŝojn en ĉiuj landoj, kaj tiamaniere la praktika valoro de Esperanto estas denove pruvata. (3)

Ke pro la mondekspozicio ankaŭ la *Germana Esperanta Kongreso* okazos en ĉi tiu jaro en Leipzig, estas tre kompreneble.

**HISPANUJO.** — La urbestraro de Sevilla donacis trifoje al la grupo 1500 pesetojn por ĝia propagando kaj pligrandigis per ĉiutaga duono da peseto la salajron al la policanoj sciantaj Esperanton.

**ĤINUJO.** — S-ro HARDIES, ano de l' Belga Gvardio en Peking, skribas : « Ni klopodadas, por ke la internacia lingvo Esperanto faru grandajn progresojn

(1) El *Esperanta*.

(2) El letero de S-ro W. HAHN.

(3) La *Saksa Esperanto-Instituto, Leipzig, Dolzstrasse, 1*, treege dankos ĉiujn samideanojn por la alsendo de ĉiuspecaj reklamafiŝoj.

en Ĥinujo, kie ĝi estas absolute necesa, ĉar ĉi tie en Peking estas multaj soldatoj el diversaj nacioj; ĉiusemajne okazas bedaŭrindajoj, ĉar, ne komprenante unu la alian, la soldatoj interdisputas ĉiutage. »

**JAPANUJO.** — S-ro D-ro KROITA donas Esperantan kurson al kelkaj oficistoj de la Centra Policoficejo en Tokio. Oficistoj de la Centra Meteorologia Observatorio kunsidas ĉiusemajne kaj studas Esperanton sub la prezido de S-ro D-ro NAKAMURA, estro de l' Observatorio.

**USONO.** — La estraro de la lernejoj de Pickford (Michigan) enkondukis Esperanton en la altlernejajn kursojn.

La *Pittsburgh Sun*, grava ĉiutaga jurnalo, publikigas ĉiulunde grandan artikolon pri Esperanto. INTERIM.

---

# AHASVERO

(*Fino.*)

Iun tagon li senkuraĝigita forjetis flanken la paletron kaj forlasis la domon por promeni iomete laŭ la bordo de l'Adiĝo kaj por kolekti freŝajn fortojn por nova kreado; sed kiam li neatendite revenis, tiam... (el la brusto de la maljunulo elpuŝiĝis kvazaŭ turmentiga ekkrio) tiam li trovis sian edzinon en la brakoj de tiu Grumello! »

Pli profunden malleviĝis la kapo de la pilgrimanto sur la bruston, kaj ŝajnis al mi, ke traflugas tremskuo lian korpon.

— « Daŭrigu rakonti, maljunulo, » mi petis dolĉe, « la kulpo de homo ne estas tiel granda, se li pekis pro perfidita amo. »

El liaj profundkavaj okuloj min trafis dankplena rigardo, antaŭ kiam li daŭrigis :

— « Jes, fremdulo, lia kulpo estis granda, ĝi superkreskis lin tiamaniere, ke li rompiĝis sub ĝi.

Konsumanta, kiel antaŭe lia amo, fariĝis nun lia malamego, kaj nur unu vorto vivis ankoraŭ en lia koro : repago.

Time konscia pri sia kulpo, la perfidulino ŝteliris eksteren kaj la majstro restis sola kun tiu, kiu ruinigis lian feliĉon. Nur unu deziro lin regis : per tiu ĉi junulo li volis puni kaj vundi la malfidelulinon, ĉar sufero de tiu ĉi estis ja ankaŭ ŝia sufero. Kvazaŭ li nenion estus vidinta, kaj kvazaŭ lia koro ne konus venĝon, trankvile li invitis la junulon reokupi la lokon, kaj kiam Grumello staris sur malgranda podiumo antaŭ la kruco, li kiel kutime ligis liajn brakojn kaj krurojn sur la lignan krucon per larĝaj zonoj.

Kio en tiu momento okazis en lia animo, tion mi ne povas priskribi, ĉar vi tion ne komprenus, se vi ne elportis la saman suferon.

Mortigita estis en li ĉiu sento de kompato kaj de pardono; mortigita ankaŭ ĉiu timo pri la ĉiela repago. Puŝata de interna devigo li eliris kaj alportis martelon kaj najlojn... kaj li najlofiksis la junulon al la kruco.

La turmentoj de lia viktimo ne tuŝis lin, eĉ ne la petegoj de la dolore konvulsiiĝinta buŝo; ne, kiam en muta senespera akuzo

ekmortis la okuloj de la junulo, tiam la majstro ekprenis la penikon kaj la paletron, kaj sur la tolo naskiĝis tiu vizaĝo, kiu allogis kaj emociis vin, kiu alportis al la majstro la plej altan gloron kaj kiu faligis lin en la plej krudan kulpon.

La edzino mortis senhonora kaj forlasita ; antaŭ sia morto ŝi donacis tiun bildon al la ĉi tiea kapelo... sed neniu scias ĝian historion ! »

— « Kaj la majstro ? » mi demandis hezite.

— « Li ne trovis lokon por kuŝigi sian vojlacan kapon, lin pelas la kulpo kiel ekziliton trans la montoj kaj valoj, ĝis iam la Eternulo difinos lian lastan horon.

Fartu bone, fremdulo, al mi estas malpermesite iri Veronon, kaj... akceptu dankon por via donaco ! »

La fremda pilgrimanto apud mi estis malaperinta kaj la mallumo englutis liajn paŝojn. Flagre estintiĝis la finbrulinta kandelo ; sed min blovtuŝis kvazaŭ malvarmiga elspiro, kaj pli alpreme mi kuntiris mian mantelon ĉirkaŭ miaj ŝultroj. Ekstere fariĝis nokto, malproksime brilis la lumoj de Verono kvazaŭ signalaj steloj al la migrulo.

*Tradukis* KAMILLA FÜRTH. W. GRANVILLE-SCHMIDT.

---

## Diversaj Informoj

**Literatura Konkurso de la Kataluna Esperantista Federacio.** — La komitato invitas la esperantistojn partopreni en ĉi tiu konkurso. Jen la temoj, kiuj povos interesi la legantojn de *Belga Esperantisto* :

*Ordinaraj tekstoj.* — Originala versaĵo pri Amo. Originala prozaĵo pri Amo. (Premio : luksa ekzemplero, kun aŭtografa subskribo de l' aŭtoro, de *El Parnaso de Popoloj* de A. GRABOWSKI, kaj diplomo.)

*Eksterordinaraj temoj.* — Influo de Esperanto en la socia-ekonomia problemo (artaĵo). Kiamaniere Esperanto povas kontribui al la socia movado (artaĵo). Temo laŭvola (50 pesetoj). Utilo alportota de helpa internacia lingvo al la komerco (100 pesetoj). Influo de Esperanto en la komerca disvolviĝo de l' nacioj (50 pesetoj).

Al la manuskriptoj — kiuj devas esti senditaj antaŭ la 1a de Majo 1914 al la sidejo de K. E. F. (str. Gracia, 12, Sabadell) — oni devas aldoni devizon, kaj sendi en fermita koverto, kiu portos la saman devizon, la nomon kaj la adreson de l' verkinto. La manuskriptoj ne estos resendataj. La membroj de la juĝontaro partoprenos en neniu konkurso.

**Dezıras korespondi.** — S-roj S. STUBE, Augustenstrasse, 2, Neumühlen-Dietrichsdorf (Holstein, Germanujo), kaj J. SEBESTA, Bĕtislanova, 1234-87, Zizkov (Bohemujo, Aŭstrio).

---

## NEKROLOGIO

Al nia kara redaktoro kaj al S-ino VAN SCHOOR, kies naŭmonataĝa filineto estas forrabita de l' kruela morto, nian tutkoran kondolencon !

— *La France Espérantiste* anoncas la morton de S-ro ARMAND BERLANDE, fondinto de la *Esperantista Societo de Fervojaj Oficistoj* kaj de ĝia organo, *Fervoja Esperantisto*. La formortinto estis nur 46jara.

---

Miguel ZAMACOÏS.

# LA AMUZISTOJ

(LES BOUFFONS)

## Kvarakta teatraĵo en versoj

TRADUKITA DE

**D-ro W. VAN DER BIEST**

### *Kvara Akto.*

*La scenejo prezentas beletan parton de la fosaĵoj de l'kastelo,kovritan de floroj, hedero kaj arbetoj. Dekstre estas la malsupro de la kastelo, kun fenestroj kaj muskokovrita pordeto. Maldekstre estas la apoga muro tute ruiniĝinta kaj florornamita,kaj malnova ŝtona ŝtupareto, per kiu oni povas forlasi la fosaĵojn kaj iri sur la vojon, kiu ĉirkaŭas la kastelon. En la fundo oni vidas la kamparon. Dekstre, antaŭe, estas jarcentaĝa admirinda arbo, kies foliaro enkadrigas la scenejon. — Je la levo de l'kurteno, Baroko, Hilaro kaj Johaĉjo melankolie preparas siajn pakaĵojn.*

**SCENO Ia.**

**Baroko, Hilaro, Johaĉjo.**

JOHAĈJO, *malgaje.*

Ni devas, ve ! denove niajn vestojn
Enpaki !

BAROKO, *same.*

Ni ne tiun bonan vinon
Plu trinkos, ve !

HILARO, *same.*

De nun ni ne plu manĝos
Kokinojn, ve !

BAROKO.

Ni generale ne
Festenojn Baltazarajn havis...

HILARO.

Ne.

BAROKO.

Sed ni ricevis nutron.

HILARO.

Jes.

BAROKO.

Verdire,
Ĉi tie oni ne manĝegis...

HILARO.

Ne.

BAROKO.

Sed malfermita estis ofte la
Kelpordo.

HILARO.

Jes.

BAROKO.

La manĝokarto certe
Mallonga estis, sed ni havis ja
La birdojn de l'birdkorto ! Al diablo
Ĵakaso kaj Narcis' ! Hodiaŭ estas
La lasta tago de l'monat' ; hodiaŭ
Elektos la Barono amuziston !
Nenia dubo : unu el la du
Triumfos, ĉu la reĝ' de l'babiluloj,
Ĉu tiu de la belaĉuloj ; ni
Nur rajtos fari niajn pakojn.

HILARO, *malgajege.*

Ve !
Kuraĝo mia tute flugis for !

JOHAĈJO.

Min mokos Manjo, Henjo kaj Antonjo !

HILARO.

Piedoj miaj, rece lernu marŝi !

BAROKO.

Stomako mia, rece lernu fasti !

HILARO.

Adiaŭ, vi, la' oro mia ĉarma,
Dum kiu mi nenion faris !

JOHAĈJO.

Mi
Kunportos, kiel memorajon, tiom
Da fruktoj, kiom mi kapablas porti !

*Li foriras maldekstre.*

HILARO, *antaŭ ol foriri en la funde.*

Mi, por min nutri dum vojaĝo mia,
Forprenos du aŭ tri kokinojn.

BAROKO, *tenante vinsakon.*

Mi
En tiun sakon verŝos vinon, kiu
Neniam malboviĝos !

*Dum li volas reeniri dekstre, li estas ekvidata de Valkano, kiu alvenis kaj staras sur la maldekstra deklivaĵo.*

SCENO IIa.

**Vulkano, Baroko.**

VULKANO.

Kio estas
l'akajo jena?

BAROKO.

Tio, kion mi
Kunportos dum vojaĝo.

VULKANO, *surprizite.*

Vi foriras!

BAROKO,

Ĉar mi ne havas ĝibon, ĉar, Sinjoro,
La intrigantoj estas la plej fortaj
Ĉi tie, oni min forpelos kaj
Neniu povos tion neebligi!

VULKANO, *pikite.*

Neniu povos?

BAROKO, *aparte.*

Ho, ide' bonega!
Mi provu...

*Al Vulkano.*

Moŝto, tiuj vortoj kaj
La sulk' de via brov' kredigas min,
Ke, nesingarde, Via Moŝto provos
Defendi min! Ho, vi ne faru tion!
Ni submetiĝu ambaŭ: tiuj du
— Ĵakaso kaj Narciso — ja triumfas!
Ĉar estas ni malfortaj, ni iliajn
Insultojn devas senkulpigi...

*Aparte.*

Mi
Sur liajn vundojn verŝu iom da
Vinagro!

VULKANO, *ekkolerante.*

Diris vi: insultojn?

BAROKO, *perfide.*

Jes,
Insultojn, kiujn ni ricevis ambaŭ,
Similajn al vangfrapoj.

VULKANO, *pli kaj pli kolere.*

Al vangfrapoj?

BAROKO.

Ho, Via Moŝt', neniu tion vidis;
Vangfrapoj ja ne estas gravaj, se
Neniu vidis, ke...

VULKANO, *kolerege.*

Jes, estas vere!
Min mokis ili.

BAROKO, *aparte.*

Iom da oleo
Mi verŝu sur la fajron.

*Al Vulkano, inside.*

Ambaŭ Francoj
Firenzon venkis: via povo do
Ne estas tiel granda, kiel vi
Konjektis! Estu nur singarda: eble
Vin ankaŭ oni povus peli for!

VULKANO, *miregante.*

Forpeli min?

BAROKO.

Ĉi tie vi enloĝas
Kaj manĝas; la ceter' ne estas grava.
Forgesu la insultojn de l' mokema
Duopo; ne oferu al honoro
Profiton; min al mia sorto lasu:
Vi devas vivi; vivu Via Moŝto,
Mi ne koleras kontraŭ vi!

VULKANO, *kiel eble plej kolere.*

Per Dio!

BAROKO, *aparte.*

Mi pensas, ke sukcesis mi.

VULKANO.

Per la
Piedoj forkaj kaj la kornoj de l'
Diablo, vi, Baroko, sola estas
La elektoto, se mi devus eĉ
Frakasi la kastelon!

BAROKO, *aparte.*

Bone! Bone!

VULKANO.

Reportu la pakajon kaj revenu,
Mi prenos mian plej teruran spadon!

*Li grandpaŝe foriras.*

BAROKO, *ridetante.*

Baroko, vi la malvarmetan kelon
Ankoraŭ ofte vidos!

*Li foriras.*

SCENO IIIa.

**Ĵakaso, Jakobo, Juliano,** *poste* **Olivero.**

ĴAKASO, *kiun sekvas la servistoj, malkontentaj.*

Jes, konfidon!
Vin pagos la Barono!

JAKOBO.

Kiam?

ĴAKASO.

Iom
Da pacienc' ankoraŭ! Eble baldaŭ
Alvenos la trezoro!

JAKOBO.

Ĉiam « morgaŭ »
Aŭ « paciencon »! Nun sufiĉas!

JULIANO *kaj* PETRO.

Jes!

OLIVERO, *alvenante.*

Denove bruo? Por ke vi silentu,
Ĉu oni devos bati vin?

JAKOBO, *duonvoĉe, dum li foriras kun la ceteraj servistoj.*

Jes, ĉiam
Insultoj! Iam eble batos ni!

*Ili foriras murmurante.*

SCENO IVa.

**Jakaso, Olivero.**

ĴAKASO, *ekzamenante, ĉu neniu aŭskultas.*

Ĉu nin neniu aŭdas?

OLIVERO, *same.*

Ne.

ĴAKASO, *mistere, duonvoĉe.*

Rakontu...
Vi vidis tiun homon...

OLIVERO, *same.*

Ĵus.

ĴAKASO.

Kaj?

OLIVERO.

Li
Rakontis, ke li havas tie, en la
Arbaro, la objekton kaj kvar virojn.

ĴAKASO.

Kaj?

OLIVERO.

Mi transdonis la ordonon vian,
Ke li alkuru, kiam oni sur
La tur' signalon al li faros per
Tolajo blanka.

ĴAKASO.

Bone. Ĉu neniu
Vin vidis?

OLIVERO.

Ne, sed... sed mi tuta tremas
Pro la mistero jena! Diru, kion
Vi faros?

ĴAKASO.

Ne komprenu, sed obeu!

OLIVERO.

Sed, Moŝto, ĉu servist' lojala povas...?

ĴAKASO.

Nu, estas ruz' por feliĉigi ŝin,
Mi antaŭ Dio tion ĵuras.

OLIVERO.

Kaj
Mi faros...?

ĴAKASO.

La signalon.

OLIVERO, *venkite.*

Mi ĝin faros.

*La personoj de la posta sceno eniras unuj post aliaj.*

SCENO Va.

**Ĵakaso, Olivero, la Barono, Solanĝo, Vulkano, Narciso, Baroko, Hilaro, Joĥaĉjo, Nikolo, Jakobo, Juliano, Petro.**

VULKANO, *al Baroko.*

Barok', mi volas, ke vi restu, kaj
Vi restos!

JAKOBO, *duonvoĉe, al la ceteraj servistoj.*

Bedaŭrinde, malgraŭ ĉiuj
Armiloj niaj, ni de timo tremas!

NIKOLO, *pasante antaŭ Narciso, kiun ŝi ame rigardas.*

Se nur de mi dependus la elekto!

OLIVERO.

Por Lia Moŝto spacon!

LA BARONO.

Antaŭ ĉiuj,
Solanĝ', libere vian amuziston
Elektu mem, kaj mi akceptos lin.

SOLANĜO.

La preferato estas juna, gaja,
Amuza...

JOĤAĈJO, *aparte.*

Jen portreto mia!

SOLANĜO.

Sprita
Li estas; kiam ĝojas li, li estas
La reĝ' de l'amuzistoj; malĝojante,
Li estas ĉarma.

HILARO, *aparte.*

Malĝojante? Mi
Sendube estas...

VULKANO.

Kiu ne rekonus
Portreton jenan? Estas ja Baroko!

SOLANĜO.

Baroko? Ne, Ĵakaso!

*Aproba zumeto de la ĉeestantaro.*

VULKANO, *afektante surprizon.*

Certe mi
Malbone aŭdis! Ne Ĵakas'...!

NARCISO, *mallaŭte, al Ĵakaso.*

Mi estas
Venkita.

ĴAKASO.

Mi, feliĉa!

BAROKO, *mallaŭte, al Vulkano.*

Ne insistu!

VULKANO.

Ĉu oni mokas min? Ĉu vi postulas,
Ke mi ĉi tie ĉiam vidu tiun
Ĝibulon?

*Ekridegante.*

Ho, nun mi komprenas! Vi
Nur volis ŝerci! Preskaŭ vi min kaptis!

LA BARONO, *kun aŭtoritato.*

Ĵakaso estas elektita kaj
Li restas.

VULKANO, *sulkigante la brovon.*

Plej mallongaj ŝercoj estas
Plej bonaj ; mi indulga estas, sed
Vi haltu nun.

LA BARONO.

Ĉi tie estras mi !

VULKANO, *akre.*

Sufiĉas ! Vi, Ĵakaso, kaj vi tri,
Foriru !

BAROKO,

Via Moŝto, kion mi...?

VULKANO, *parolante kvazaŭ estro.*

Vi restas sola amuzisto de
Mautpré !

*Je tiuj vortoj la Barono faras movon de fiereco kaj de kolero, kaj paŝas al Vulkano.*

SOLANĜO, *terurite kaj plorante.*

Ho, mia paĉjo !

ĴAKASO, *al Olivero.*

Sang' elpagos
Ĉi tiujn larmojn ! Oliver', alportu
Armilojn, tuj !

*Olivero nevidate foriras.*

LA BARONO, *al Solanĝo.*

Nenion timu, mia
Infano !

*Li ŝin pasigas maldekstren.*

JAKOBO, *mallaŭte, al Petro kaj Juliano.*

Ili tremas ! Tiel devus
Paroli ankaŭ ni !

LA BARONO, *al Vulkano, kun aŭtoritato.*

Vulkano, kiel
Okazis, ke alia voĉo, ol
La mia, tie ĉi ordoni volas ?
Ĉu vi ribelas aŭ frenezas ?

SOLANĜO, *terurite.*

Paĉjo !

NIKOLO, *same.*

Ho, Via Moŝto !

VULKANO, *fierege.*

La leon' vekiĝis !
Ĉu mi rememorigos mian nomon
Al vi ? Mi estas Kavaliro Kosmo
Andreo Salvatoro Krizostomo
Spinelo Borg' Vulkano, princ' de Penna,
Sinjor' de Fiesol' kaj Falterona !
Armilportist', je dek-kvin jaroj, de l'
Ĝrandduk' Toskana ; je dek-ses, vundata
Per lanco, dum en Pisa mi batalas,
Mi sola kontraŭ ses ; de Medici
Intima konsilant', nelonge poste ;
Je dek-sep jaroj, la teruro de
La herezuloj, kaj martirigata
De ili, dum mi kantas piajn himnojn ;
Je dek-naŭ jaroj, kun nobeloj en
Firenz', dueloj ĉiutage ; poste,
Je dudek, sola mi foriras al
Barbaraj landoj ; Turkoj kaj Negruloj
Min kaptas, min torturas la unuaj,
Min vendas la aliaj ; al pendigo
Mi estas kondamnata, mi forkuras ;
Al senkapigo, mi forkuras ; al
La pikbastono kaj, dum oni diras :
«Sidiĝu», mi forkuras ! Sola mi
Boaton kaptas, mi en akvon falas,
Mi dronas

NIKOLO, *terurite.*

Granda Dio !

VULKANO.

...preskaŭ ! sed
Mi alteriĝas, mi foriras ree !
Centfoje oni kredas min mortinta,
Centfoje reviviĝas mi ! Rigardu
Sur mia spado tiujn tricent strekojn :
Jen la kalkulo de la malamikoj
De mi senditaj al infero. Kiu
Deziras, ke ankoraŭ unu strekon
Mi gravurigu ?

LA BARONO.

Kion vi postulas ?

VULKANO.

Ke oni min obeu, kaj ke sola
Baroko restu via amuzisto !
Sufiĉajn servojn mi jam al vi faris,
Ĉar, kiam oni devas arke pafi,
Mi estas la pafarko ; kiam oni
Ricevas pafojn, estas mi la celo !
Mi estas timigilo por vulturoj !
Kaj kion miavice mi ricevas ?
Malmultan monon kaj ankoraŭ pli
Malmultan dankon !

*Olivero revenis kaj nevidate donis spadojn al Ĵakaso kaj Narciso.*

ĴAKASO, *mallaŭte, al Olivero.*

Nun sufiĉas, tuj
Mi volas....

OLIVERO, *haltigante lin.*

Ne ankoraŭ !

LA BARONO, *fiere, al Vulkano.*

Mi decidis,
Ke mia amuzist' Ĵakaso estos,
Kaj vin, Vulkano, mi forpelas !

*Ĝenerala ekmirego.*

VULKANO, *miregante.*

Kiel ?
Forpeli min ! Aŭskultu, ĉiuj ! Min
Forpeli !

SOLANĜO, *farante krucosignon.*

Dio !

NIKOLO, *surgenuiĝante.*

« Miserere ! »

BAROKO, *aparte.*

Kio
Okazos ?

VULKANO, *sin turnante al la servistoj kaj al la amuzistoj.*

Ĉiuj vi komprenis, ke
Mi estas devigata pruvi, ke
Mi estas tie ĉi la forto! Fine
Nun venis la momento, klam vi
Postulos ĉiuj la ŝuldatan monon!

LA BARONO.

Amikoj, ne aŭskultu ribelanton!

VULKANO.

Vi semis, nun rikoltu!

JAKOBO, *al Juliano kaj Petro*

Pravas li!

VULKANO.

Mi estos via ĉefo!

JULIANO.

Ni lin sekvu,
Li estas brava!

PETRO.

Jes, ni sekvu lin!

JAKOBO, JULIANO, PETRO.

La monon!

OLIVERO

La situaci' graviĝas...

VULKANO.

Timantoj kaj ŝanceliĝantoj, venu!
Servistoj ne pagitaj, amuzistoj
Mokitaj, ĉiuj venu!

JAKOBO, JULIANO, PETRO, HILARO, BAROKO *kaj* JOHAĈJO.

Jes! jes! jes!

VULKANO.

La oro promesita nur ekzistas
En viaj cerboj tro kredemaj; montru
Kuraĝon, ne plu petu, sed postulu!

LA BARONO.

Amikoj, haltu!

VULKANO.

Vi plej fortaj estas!

*Ĉiuj faras paŝon antaŭen.*

OLIVERO, *al Ĵakaso kaj Narciso.*

Gravega estas la momento, nun
Intermetiĝu!

VULKANO, *montrante Solanĝon.*

Por ke ni pli multe
Postuli povu, tiu ĉi infano
Garantiaĵo nia estos! Metu
Ŝin flanken, antaŭ ĉio...

*La servistoj antaŭeniras por plenumi la ordonon. Ĵakaso kaj Narciso aperas kun siaj spadoj levitaj.*

LA BARONO.

Karulino!

ĴAKASO, *trankvile.*

Se iu faros paŝon, mortos li.

LA BARONO, *al Olivero.*

Ĉu ili...?

VULKANO, *mokante.*

Amuzistoj batalemaj!
Amikoj, prenu tiujn ĉi ludilojn
De ili; mi ne estos tro severa!...
Nu, prenu!

JAKOBO, *ŝanceliĝante.*

Moŝto, ili ŝajnas koni
Ilian uzon!

VULKANO, *daŭrigante ridi.*

Mokinduloj, tion
Demetu tuj!

ĴAKASO, *farante movojn per sia spado, al la servistoj, kiuj timante antaŭeniras.*

Atentu! tio pikas!

VULKANO.

Rapide, senarmigu ilin!

JAKOBO, *tremante, al Vulkano.*

Jes...

*Al Ĵakaso kaj Narciso.*

Ludilojn tiujn donu...

NARCISO.

Ilin prenu!

VULKANO, *ekkolerante.*

Nu, kion vi atendas?

JAKOBO, *gentile etendante la manojn.*

Ĉu bonvolus
Vi doni...?

NARCISO.

Ne!

ĴAKASO.

Atentu, tio tranĉas!

JAKOBO, *irante, malantaŭ Vulkano, apud Hilaron, Barokon, Johaĉjon, Petron kaj Julianon.*

Sinjor', mi eble iomete timas...
Vi tiom da kontraŭstarantoj jam
Mortigis: nun mortigu vi du pluajn!

*Vulkano restas sola kontraŭ Ĵakaso kaj Narciso.*

ĴAKASO.

Jen do la mokindulo, kiu vin
Timigas, ĉar li faras grandajn gestojn!
Heroo, kiu nur malantaŭ muro
Batalas, kies nomo sola estas
Terura! Tigro, kiu revas pri
Atakoj, sed preferas manĝon, kiun
En ĝia kaĝo oni al ĝi donas!
Leon' singarda, kiu bleki provas,
Nur kiam hundoj ĝin protekti povas!

ĈIUJ, *teruritaj de tia maltimego.*

Ho!

VULKANO, *funebre.*

Preĝu, ĉar li mortos tuj!

SOLANĜO, *surgenuiĝante.*

Pardonu!

ĈIUJ.

Pardonu!

LA BARONO, *volante intermetiĝi.*

Sed, mi petas...

ĴAKASO, *kiu gracie salutas Narcison per sia spado.*

Vi permesas,
Ĉu ne, karulo, ke komencu mi?

*Li atakas Vulkanon, surprizitan de tia maltimego. La emocio de l' ĉeestantoj estas grandega.*

VULKANO, *ekskermante.*

Jen bato, kiu vin forsendos al...

*Li provas trafi Ĵakason.*

ĴAKASO, *evitante la baton.*

Ne, kiam oni volas min engluti,
Mi ne facile pasas!

*Li rebatas.*

Hop!

VULKANO, *mirante.*

Li konas
Rebaton!

ĴAKASO.

Jes, mi lernis ĝin en libroj!

*Dum ili skermadas, la servistoj kaj la amuzistoj estas pli kaj pli maltrankvilaj.*

ĴAKASO.

Por vin mortigi, la rimed' plej bona
Sendube estus, ke mi vian koron
Trapikus...

VULKANO.

Nu!

ĴAKASO.

Sed vi ne havas koron.

VULKANO, *atakante kun kolero Ĵakason, kiu evitas ĉiujn batojn.*

Stultul'!

ĴAKASO.

Mi pikus en kranion vian,
Sed mi malplenon tie trovus nur!

VULKANO.

Komedianto!

ĴAKASO.

Per tre lerta bato
Mi nun mortigos vin.

NARCISO.

Amik', mi petas,
Lin donu nun al mi, ankoraŭ vivan!

ĴAKASO, *frapante la spadon de Vulkano el lia mano.*

Nu, prenu lin!

VULKANO, *furioze.*

Senarmigita!

LA BARONO.

Li,
Venkita!

SOLANĜO.

Kaj Ĵakas' savita estas!

VULKANO, *relevinte sian spadon, kolerege, al Narciso.*

Por du vi pagos!

ĴAKASO, *al Narciso.*

Nun al vi la vico!

NARCISO, *salutante la Baronon per sia spado.*

Vi vidos, kiel oni kvietigas
Azenon!

*Li vivece atakas Vulkanon.*

Jen!

JAKOBO, *aparte.*

La ŝanc' turniĝas mi
Turniĝu kiel ĝi...

*Dum la due'o, la amuzistoj kaj la servistoj sinkaŝe metas sin malantaŭ Ĵakason kaj Narcison.*

NARCISO.

Ĉu mi per tjerco
Aŭ primo vin trapikos?

LA BARONO, *al Olivero*

Ambaŭ ili
Estintaj estus taŭgaj profesoroj
De skermo, tiuj amuzistoj!

ĴAKASO, *al Narciso.*

Ne
Tro grave vundu lin, ke ni per ŝnuro
Ĉirkaŭu l'an kolon!

BAROKO, *imitante la servistojn.*

La amikon
Danĝeran mi evitu!...

NARCISO, *devigante Vulkanon malantaŭeniri.*

Insultanto
De maljunuloj, ploriganto de
Infan', demetu tiun spadon, ĉar
Vi ne plu estas inda porti spadon!

*Post lerta skermado kaj luk'o, Narciso nun tenas sub sia brako la brakon de Vulkano senpotencigita kaj, frapante lian spadon per la sia, lin devigas ĝin faligi. Vulkano eligas furiozan ekkrion.*

BAROKO, *kiu nun estas apud la aliaj.*

Feliĉe!

VULKANO.

Dio!

LA BARONO.

Ili savis nin!

ĴAKASO.

Nun ligu lin!

*La servistoj kuras por ligi Vulkanon. Baroko alvenas la lasta, preparante ligilon.*

VULKANO, *miregante, al Baroko.*

Vi ankaŭ !

BAROKO.

Moŝto, mi
Ne povas savi vin, mi savas min !

LA BARONO, *al Ĵakaso kaj Narciso.*

Sed vi, de kie al vi venis, niaj
Savintoj, tiel noblaj sentoj ?

OLIVERO, *viveće.*

Ili
Antaŭe estis militistoj.

ĴAKASO.

Ne !
Sufiĉe ni vin trompis ! for la maskojn !

NARCISO.

Vi konu niajn nomojn !

OLIVERO, *aparte.*

Ve, mi tremas !

NARCISO.

Mi estas Kavaliro de Belfonte !

*Je tiu sciigo, krioj de mirego sin aŭdigas en la grupo de la servistoj kaj de la amuzistoj.*

ĴAKASO.

Mi, Graf' de Chancenac !

*Reaj krioj.*

Kaj mia ĝibo
Ne [illegible]reala estas, ol rakonto
De l' [illegible]ajoj de Vulkan' !

*Li deprenas sian falsan ĝibon, meze de ĉies ĝoja mirego, kaj ĝin ĵetas al la vizaĝo de Vulkano.*

LA BARONO, *miregante.*

Belfonte
Kaj Chancenac ?

OLIVERO, *aparte.*

Nun mi mensogi devos !

LA BARONO, *surprizite kaj iom kolerante.*

Por kiu konfesebla celo vi
Vin alivestis ?

OLIVERO, *afektante koleron.*

Jes, Sinjoroj, kial ?

ĴAKASO, *al la Barono.*

Barono, ambaŭ ni amegas vian
Filinon ; ĉar neniam al amantoj
Permesus vi eniri vian domon,
Ni alivestis nin...

LA BARONO, *indignante.*

Jen perfidaĵo !

OLIVERO, *daŭrigante ludi komedion.*

Jes, perfidaj' !

ĴAKASO.

Pro am' ni tion faris.

SOLANĜO, *aparte.*

Pro amo !

NIKOLO, *miregante.*

Ili estas Moŝtoj !

NARCISO, *al la Barono.*

Cedu !

SOLANĜO, *aparte.*

Nobela kaj senĝiba ! Mi do povas
Lin ami !

LA BARONO.

Pro la servo, kiun jus
Vi al mi faris, mi pardonas vin,
Sed ne pli multe vi esperu !

OLIVERO, *duonvoĉe, al la Barono.*

Moŝto,
Pro kio vi senigus je feliĉo
Infanon vian ? Ambaŭ estas riĉaj,
Bofilo via unu povus esti...

LA BARONO, *fiere.*

Filinon mian mi ne vendas ! Kaj
Cetere, nia .. ĝen' nek granda estas,
Nek daŭra ; baldaŭ ĉio tie ĉi
Ŝanĝiĝos... Tiam vi revenos. Mi
Forgesos vian kulpon.

SOLANĜO, *ĉagrene.*

Ilin ambaŭ
Li pelas for !

LA BARONO, *salutante Renaton kaj Roberton, kiuj kliniĝas.*

Mi via gastiganto
Ĝis morgaŭ estas.

OLIVERO, *ĉagrene, aparte.*

For, espero mia !

ĴAKASO, *mallaŭte, al Olivero.*

Vi ĉion rebonigos, la signalon
Farante !

OLIVERO, *time.*

Sur la turo ?

ĴAKASO.

Jes.

OLIVERO.

Mi iras !

*Li kuras en la kastelon.*

LA BARONO, *severe, al la servistoj kaj la amuzistoj.*

Kaj vi ?

ĈIUJ, *tuj surgenuiĝante.*

Pardonu !

LA BARONO.

Por pendigi vin
Necesus tro da ŝnuro, kaj, feliĉe,
Tre multekosta estas la kanabo !

ĈIUJ.

Pardonu !

LA BARONO.

Mi pardonas vin.

*Montrante Vulkanon.*

Sed lian
Kolŝnuron ni dividos inter ni
Post la per digo ; tio feliĉiga
Por nia dom..stos. Venu nun,
Solanĝ'.

SOLANĜO, *malgaje.*

Mi venas.

ĴAKASO, *mallaŭte, al Solanĝo.*

Sed revenu baldaŭ !

LA BARONO, *montrante Vulkanon.*

Fortrenu lin ; mi tuj kontrolos mem
La forton de l'kateno.

*Oni fortrenas Vulkanon, kiu furioze kontraŭstaras kaj terure kriegas. La Barono kaj Solanĝo sekvas.*

**SCENO VIa.**

**Ĵakaso, Narciso.**

ĴAKASO, *kiu sekvis Solanĝon per la rigardo.*

Mi en ŝiaj
Okuloj legis, ke ŝi tuj revenos.

NARCISO.

Kaj mi, ke ŝi vin amas. Mi konfesas,
Ke spirito kaj elokventeco nun
Facile venkis la elegantecon.
Edziĝu kun Solanĝo de Mautpré :
Ŝi estas ĉarma !

ĴAKASO.

Kaj..... kaj vi ?

NARCISO.

Mi serĉos
Konsolon. Am' ne ĉiam uzas samajn
Armilojn ; espereble venkos mi
Alian koron !... Sed ĉu vi sukcesos
Konverti ŝian patron ?

ĴAKASO.

Mi esperas !

NARCISO.

Nu, bonan ŝancon !

*Li foriras. Olivero aperas, tre emociita.*

**SCENO VIIa.**

**Ĵakaso, Olivero.**

OLIVERO, *tremante, mistere.*

Mi jus faris la
Signalon, ne ĝin komprenante ; mi
Jam volus ĝin repreni !

ĴAKASO.

Se ĝi estas
Farita, ĉio estas bona ! Nun,
Amiko, pri nenio miru plu.
Jen mia amatino, iru for.

OLIVERO.

Ĝis kiam, Moŝto ?

ĴAKASO.

Ĝis la fianĉiĝo !

OLIVERO, *forirante.*

Neniam mi komprenos !

**SCENO VIIIa.**

**Ĵakaso, Solanĝo.**

*Solanĝo aperas, ŝanceliĝanta kaj timanta.*

ĴAKASO.

Ĉu Ĵakason,
Ĉar li nun estas ekzilita, vi
Malamas ?

SOLANĜO, *kun iom da melankolio.*

Vi ne estas plu Ĵakaso...

ĴAKASO.

Kaj jen vi tremas, ĉar vi min revidas
Post mia nomŝanĝiĝo. Nun mi estas
Ŝtelisto nur de via amikeco !
Al mia am' pardonu tiun ruzon !
Por min anonci mi serviston sendis :
Ĵakas' en vin sukcesis eble iom
Da am' enigi, sed, ĉar li, servisto,
Min, sian mastron, anstataŭis, li
La lokon al mi cedis... Sed, Solanĝo,
Ŝanĝiĝis ne la koro, nur la nomo ;
Ĵakas', Renato, estas unu homo ;
Li amas vin...

SOLANĜO.

Ĵakaso aŭ Renato,
Por mi vi ĉiam estos la amato !

*Ĵakaso kisas Solanĝon sur la frunto. Olivero aperas.*

**SCENO IXa.**

**Ĵakaso, Solanĝo, Olivero,** *poste* **Roĝero,** *poste la kvar* **Portistoj.**

OLIVERO, *tre emociite.*

Mi vidis jus, Sinjoro, nekonaton
Kurantan tien ĉi...

ĴAKASO, *kvazaŭ mirante.*

Al li bonvenon !
Kaj li deziras...?

OLIVERO.

Mi ne scias.

*Mallaŭte.*

Jen
Sen dub' servisto via.

ĴAKASO, *al Solanĝo.*

Reeniru,
Ĉi tie oni ne nin kune vidu !
Esperu kaj amanton vian fidu !

SOLANĜO, *al Olivero, forirante.*

Vi vidas, venis la Reĝido Ĉarma !

*Ŝi foriĝas.*

OLIVERO.

Ŝi ne kuraĝon perdis !

ĴAKASO.

Kaj ŝi pravas !...
Sed diru, ĉu la vir' rapide kuris ?

OLIVERO.

Li kuris kiel cervo.

ROĜERO, *apoŭante sur la ŝtupareto, duonvoĉe, al Ĵakaso.*

Via Moŝto !...

OLIVERO.

Nu ?

ROĜERO.

Moŝto, ĉio estas preta !

OLIVERO, *terurite.*

Haltu !

ĴAKASO, *minacante.*

Se vi eĉ unu vorton diras, mi vin
Mortigas !

*Al Roĝero.*

Nun, Roĝer', la komedion !

*Olivero restis kvazaŭ ŝtonigita de timo.*

ROĜERO, *kvazaŭ li nur nun alvenus, tre laŭte, kriante al la kastelo.*

He ! ĉu mi povas iun vidi tuj ?

*Kapoj sinsekve aperas ĉe la fenestroj.*

ĴAKASO, *kvazaŭ li ne konus Roĝeron.*

Nu ?

ROĜERO.

Lia Moŝt', Barono de Mautpré,
Mi petas ?

ĴAKASO, *same.*

Kion volas vi ?

ROĜERO.

Tuj oni
Lin voku, ĉar alportas mi al li
Novajon bonan !

*Granda movado komenciĝas en la kastelo.*

JAKOBO, *kiu estis ĉe fenestro, reeniras kaj vokas.*

Moŝto !

JULIANO, *same.*

Moŝto !

NIKOLO, *same.*

Moŝto !

ĴAKASO, *mallaŭte, al Roĝero.*

Komenco bona ! La ceteron same
Prizorgu !

JAKOBO, *eniran te kaj montrante Roĝeron al la Barono, kiu sekvas lin.*

Jen li estas !

LA BARONO.

Kion vi
Deziras ? Kiu sendis vin ?

*Lin sekvis Solanĝo kaj ĉiuj enloĝantoj de l'kastelo, kiuj senorde alvenas*

ROĜERO.

Antaŭe
Vin gardu, ne de ĝojo mortu ! Mi
Alvenas el Turanĝo, kie vi
Bienon havas, la Arbarkastelon...

LA BARONO.

Ruino tio estas, kiun vulpoj
Enloĝas kaj foinoj...

ROĜERO.

Kaj fantomoj.

LA BARONO.

Jes... Ĉu okazis iu katastrofo ?

ROĜERO.

Ho, tute ne !... Sed Sanktan Kristoforon
Rapide danku !

ĈIUJ.

Sanktan Kristoforon ?

ROĜERO.

Jes, danku Sanktan Kristoforon, kiu
Trovigas la trezorojn, kaj precipe
La oron, kiun tero kovras !

LA BARONO, *senpacience.*

Sed
Klarigu !

OLIVERO, *same.*

Nu ?

ĴAKASO, *same.*

Daŭrigu !

ROĜERO.

Jes, sed eble
La Moŝto svenus...

LA BARONO.

Ne ! Parolu !

ROĜERO.

Jen :
En kampo, laboristoj trovis kofron !

*Ĉiuj ĉeestantoj, suprizitaj, rigardas unuj la aliajn. Ilia miro pli kaj pli ĝrandiĝas.*

LA BARONO, *surprizite.*

En kampo... mia ? de Arbarkastelo ?

ROĜERO.

Jes, en ruin'.

LA BARONO,

El kio, tiu kofro ?

ROĜERO.

El ligno. Tiuj viroj estus ĝin
Ŝtelintaj, se ne mia mastro vian
Posedorajton estus defendinta.

LA BARONO.

Jes... Sed ĉu tiu kofro estis plena
Aŭ... ?

ROĜERO.

Plena, Moŝto, de moneroj brilaj !

LA BARONO, *breskaŭ svenante.*

Arĝentaj ?

ROĜERO.

Oraj !

*Ĝenerala ĝojekkrio.*

ĴAKASO.

Ne kredeble !

OLIVERO, *aparte, miregante.*

Ĉu
Mi revas ?

LA BARONO, *same.*

Kofro plena de ormono !

SOLANĜO, *same.*

De oro !

NIKOLO, *al la servistoj.*

Nu, jen la trezor' serĉita !

LA BARONO, *streĉante la orelon.*

Trezor' serĉita .. ?

*Rememorante subite sian ruzon, al Olivero, mallaŭte.*

Ha, nun mian ruzon
Profitu mi !

*Al la ĉeestantoj.*

Jes, certe, estas jen
La kofro, kiun mi serĉigis, kofro
De oro plena, kiun kaŝis mia
Prapatro !

OLIVERO, *aparte, konfuzite.*

Malveraj' fariĝis vera !

LA BARONO, *al la geservistoj.*

Ĉu vi supozis, ke mensogas mi ?
Ĉu nun vi kredos, ke mi estas riĉa,
Tomasoj nekredemaj ?

ĈIUJ, *ĝojegante.*

Jes !

ĴAKASO.

Sed ni
Ne vidis la trezoron ! Se mensogus
Ĉi tiu viro ?

LA BARONO, *maltrankvile, al Roĝero.*

Ĉu ni vidos ĝin ?

ROĜERO.

Tuj oni ĝin alportos, Moŝto ; ĝi
Proksima estas ; ĝin protektas bonaj
Gardantoj.

LA BARONO, *preskaŭ svenante.*

Mi ĝin vidos !

SOLANĜO.

Trankviliĝu !

OLIVERO, *aparte.*

Ho, mia kapo

LA BARONO, *al Roĝero.*

Atendante, ke
La kofr' alvenu, diru, kiel oni
Ĝin trovis.

ROĜERO, *kiun ĉiuj scivole ĉirkaŭas.*

Estis nokto, nokt' sen luno,
Malluma, tre malluma nokto, kian
Bezonas por vagadi Belfegoro
La malbenita !

LA BARONO, *al la servistoj.*

Nokt' sen luno, vi
Memoris, ke mi diris tion !

ROĜERO, *dirante sian lecionon.*

Kaj
Sorĉist' desegnis sur la tero cirklon
Kabalan : torĉ' lumigis tiun scenon...
Kaj oni zorge fosis, fosis, fosis,
Ĝis kiam oni trovis kofron.

*La geservistoj kaj la amuzistoj interparolas vivece pri la okazintaĵo.*

LA BARONO.

Jen !
Li diras ĉion, kiel mi ĝin diris !

ROĜERO.

Kaj mia mastro la trezoron tuj
Al vi portigis.

LA BARONO.

Kiu estas li ?

ROĜERO.

Gontran', Duk' de La Fère.

ĴAKASO, *aparte, al Narciso.*

Tio estas
La nom' de mia avo.

LA BARONO.

Danku lin
En mia nom'.

ROĜERO.

Jes, Via Moŝto.

ĴAKASO, *aparte.*

Jam
Farite !

*Nun oni malproksime aŭdas malantaŭ la kastelo bruon de voĉoj.*

LA BARONO.

Kiu brue venas tie ?

ROĜERO

Jen miaj viroj, Moŝto, kun la kofro.

*Oni vidas nun kvar armitajn virojn, kiuj portas malnovan kofron.*

JAKOBO, *altenĵetante sian ĉapon.*

La kofro !

ĈIUJ, *ĝojegante.*

La trezor' !

UNUA PORTISTO, *ekvidante Roĝeron.*

Jen estas ni,
Sinjor' Roĝer' !

ROĜERO.

Alportu tien ĉi
La kofron !

LA UNUA PORTISTO.

Ĝi multpeza estas !

ROĜERO.

Ĝin
Kvarope portu !

LA BARONO.

Ne faligu ĝin !

*Ĉiuj kuras al la fundo, renkonten al la viroj, kiuj malsuprenportas la kofron.*

NARCISO, *al Ĵakaso, mallaŭte.*

La ruz' sukcesis. Post la junulino
La patro estas nun kontenta ; mi
Gratulas vin !

ĴAKASO.

Mi dankas vin.

LA BARONO, *marŝante antaŭ la portistoj.*

Dum oni
Malfermos ĝin, la ĉeestantoj restu
Ne tro proksime !

OLIVERO, *mallaŭte, al Ĵakaso.*

Por eltrovi tian
Rimedon, oni devas esti iu
Demono !

ĴAKASO.

Aŭ amanto !

LA BARONO, *ekzamenante la kofron.*

Jen la kofro
Enterigita de la avo mia !

ĴAKASO, *al Olivero.*

Li ĝin rekonas, Olivero !

LA BARONO, *al Roĝero.*

Ĝin
Malfermu !

*Li sin ĵetas sur la malfermitan kofron kaj trempas siajn manojn en la oron.*

Estas oro ! Peza, brila
Kaj helsonanta ! Tiuj, kiuj ĝin
Deziras vidi, levu siajn brakojn !

*Ĉiuj kuras al la kofro, tenante la brakojn levitaj.*

ĴAKASO, *konfidencie, al Olivero.*

Neniam diru, ke per tiu ruzo...

OLIVERO.

Ho, mia amikec' pardonas al
La amo via ! Por Solanĝ', de nun,
Ne plu ekzistos tagoj de malĝojo,
Kaj la Baronon feliĉigas vi
Eĉ kontraŭ lia vol'. Mi vin gratulas,
Car vi sukcesis tiun mirindajon
Duoblan !

LA BARONO, *al la geservistoj.*

Nun malsuprenigu ĉiu
Po unu mano, unu nur : mi donos
Al ĉiu po du ormoneroj !

ĈIUJ, *entuziasme.*

Vivu
La Moŝt' !

PETRO, *manpesante siajn monerojn.*

En oro, tio estas sumo !

NIKOLO, *rigardante unu el siaj moneroj.*

Ĉu tiu stranga viro estas reĝo ?

JAKOBO, *al la Barono, kiu, ĉirkaŭata de ĉiuj, iras al la antaŭscenejo.*

Sed la serĉita oro monigita
Ne estis !

LA BARONO,

Monigita, certe ! Tion
Forgesis mi !

ĴAKASO, *al la Barono.*

Baron', ĉar vi riĉiĝis,
Ĉu vi al ni pardonas ?

LA BARONO.

Ĉar mi estas
Nun tiel riĉa, kiel vi, volonte
Mi al Solanĝ' permesas, ke ŝi mem
Elektu...

SOLANĜO, *etendante la manon al Ĵakaso.*

Mi elektis jam.

ĴAKASO.

Solanĝo !

SOLANĜO.

Kaj por ke ĉiuj estu nun feliĉaj,
Neniun, paĉjo, vi pendigu ! Ho,
Pripensu, se la pendigil' rompiĝus,
Vulkano eble mem ĝibul' fariĝus !

LA BARONO, *ridetante.*

Nu, li foriru, kaj por ĉiam, kun
Baroko.

HILARO, *antaŭenirante, funebre.*

Kia estos mia sorto ?
Ĉu malesper' kondukos min al morto ?

ĴAKASO.

Por resanigi lin, Baron', ordonu,
Ke oni amuziston al li donu !

*Al la publiko.*

Se, Gesinjoroj, vi similas lin,
Min voku : tuj mi resanigos vin !

o— **FINO** — o

# La Arbaro de l' Mizero

I.

Iun malvarman vesperon de Decembro, juna viro troviĝis ĉe la enirejo de arbaro, kies aspekto sufiĉis por dolori kaj timigi lin.

La junulo kuradis rapide. Li estis tute enpensiĝinta, ĉar li ne rimarkis, ke, dum li antaŭeniris, la vojo mallarĝiĝis kaj la arboj, arbetoj kaj arbetaĵoj pli densiĝis.

Ĉiam pli profunden li enpenitris en la arbaro. Sed baldaŭ, malesperante eliri el la labirinto, li falis teren ; li estis senkuraĝa kaj ne faris plu klopodojn por stariĝi.

Longtempe li sidadis sur tiu loko, la malvarmo rigidigis liajn membrojn, liaj kruroj estis lacaj de la longa vojaĝo.

Subite la doloro eligis el li krion, kium la eho rediris en la malproksimo.

Li levis sian kapon ; tri homoj staris antaŭ li, kvankam ke ii vidis, aŭ aŭdis ilin.

Li tremis ; la tri viroj lin rigardis per penetra rigardo. La unua estis vestita per longa drapvesto de oro, meze surlevita per rimeno, kiu estis kvazaŭ semita de diamantaj steloj ; spado pendis ĉe lia flanko.

La dua portis nigran veston kaj kupran rimenon ĉe la mezo.

La tria havis bluan kostumon kaj kupran rimenon ĉirkaŭ la korpo ; en la mano li tenis hakilon, sur kiu li apogis.

— « Kion vi faras ? » ĥore demandis la tri homoj.

— « Mi mortas, » respondis la junulo, « kompatu min. »

— « Kion vi volas ? » redemandis ili.

— « Kiel eble plej baldaŭ forlasi ĉi tiun arbaron, en kiu mi elvojiĝis. »

— « Elektu, kiu el ni iros kun vi, ĉar vi bezonas nur unu gvidanton, kaj vi mem devas lin elekti. »

La juna viro longan tempon rigardis atente la tri fremdulojn, kiuj silente atendis la rezulton de la esploro. Fine li fingremontris la homon, kiu portis la drapveston de oro.

— « Vin mi elektas, » diris li.

La fremdulo ridetis strange kaj donis la manon al la junulo, dum liaj du kunuloj malaperis tiel mistere, kiel ili venis.

Muta de timo la junulo prenis la manon de sia gvidanto kaj ambaŭ foriris.

Ho ! kiel rapide ili kuris ! La arboj malaperis malantaŭ ili, kaj tamen post unu horo ili ankoraŭ estis en la arbaro.

— « Mi ne povas plu, » ĝemis la junulo, kaj haltante li apogis kontraŭ arbo. « Mi tute senfortiĝis. »

— « La vojo estas ankoraŭ longa, » diris la gvidanto, « niaj kruroj estas tro malfortaj, por ke ni finu nian vojon. Sed baldaŭ preterpasos tie ĉi vojaĝanto sur ĉevalo, prenu tiun ĉi spadon,

tuj kiam la rajdanto estos apud vi, tiam puŝu ĝin en lian koron. Kaptu lian ĉevalon, sur kiu ni povos daŭrigi nian vojon. »

— « Ho teruro ! » ekkriis la junulo, « kiu vi estas, kiu donas al mi tian konsilon ? »

— « Mi estas la Krimo ! » diris la nekonato.

— « Iru for, iru for ! » ekkriis la junulo kaj falis kun la vizaĝo teren.

II.

Infera ridado aŭdiĝis, kaj la junulo estis denove sola. Kiam li pene stariĝis, la du aliaj viroj staris antaŭ li.

— « Kion vi faras ? » lin demandis ili.

— « Mi mortas, » respondis la junulo, « kompatu min. »

— « Kion mi volas ? » redemandis ili.

— « Kiel eble plej baldaŭ forlasi tiun ĉi vastan arbaron. Mi elvojiĝis. »

— « Elektu, kiu el ni iros kun vi, ĉar vi bezonas nur unu gvidanton, kaj vi mem devas lin elekti. »

La junulo longan tempon rigardis atente la du fremdulojn, kiuj silente atendis la rezulton de la esploro. Fine li fingremontris la homon kun nigra vesto kaj ruĝa rimeno.

— « Vin mi elektas, » diris li.

La nekonato ridetis kaj prenis silente la manon de la junulo, dum la alia malaperis tiel mistere, kiel li venis.

Muta de timo la junulo prenis la manon de sia gvidanto, kaj ambaŭ foriris.

Tutan horon ili iradis kaj fine ili venis ĉe rando de abismo, el kiu supreniĝis krioj kaj ploroj.

— « Mi ne povas plu, » diris la junulo haltante. « Mi tute senfortiĝis. »

— « La vojo ankoraŭ estas longa, » diris la gvidanto, « niaj kruroj estas tro malfortaj, por ke ni finu nian vojon. Pro tio mi vin kondukis ĉi tien, por doni al vi la solan rimedon, por forlasi la arbaron. En la fundo de ĉi tiu abismo estas la morto, kiu liberigas la homojn de ĉiuj suferoj. »

— « Ho teruro ! » ekkriis la juna viro, « kiu vi estas, kiu donas al mi tian konsilon ? »

— « Mi estas la Malespero, » respondis la nekonato.

— « Iru for ! Iru for !» ekkriis la junulo kaj falis kun la vizaĝo teren.

III.

Infera ridado aŭdiĝis kaj la junulo denove estis sola. Kiam li pene stariĝis, la tria homo staris antaŭ li.

Kiam li memoris la nomojn de la du aliaj gvidantoj, li volis forkuri, sed la nekonato malhelpis lin.

— « Venu kun mi, » diris li, « la vojo ankoraŭ estas longa, sed Dio helpas tiun, kiu suferas. »

La junulo rigardis lin kaj siavice li donis sian manon.

Sed la fremdulo nur paŝe iris antaŭ li ; per sia hakilo li faris novan vojon, li forhakis la arbojn, kiuj ilin malhelpis iri antaŭen.

Poste li turnis sin al la junulo kaj diris : « Prenu unu el tiuj ĉi arboj sur vian ŝultron. »

La junulo obeis, kvankam li estis lacega, sed kiam li estis preninta la arbon sur sian ŝultron, li sentis apenaŭ la pezon de la ŝarĝo, kiun li portis.

Dum la fremdulo senĉese hakis per sia hakilo, ili fine ambaŭ alvenis ĉe la rando de l'arbaro. Antaŭ ili etendiĝis vasta ebenaĵo, en kies mezo staris kastelo.

La fremdulo turnis sin al la juna viro kaj diris : « La arbaro, kiun vi trapasis, estas la arbaro de l' Mizero ; forĵetu nun vian ŝarĝon. »

La junulo ĵetis la arbon teren kaj dum ĝi falis, ĝi ŝanĝiĝis en longan rulon de oro.

— « Kiu vi estas, kiu donis al mi tiel bonan konsilon ? » demandis la juna viro, treege mirigita.

— « Mi estas la Laboro, » respondis la gvidinto.

*Tradukis* JUL. JACOBS (Contich).

---

# LASTHORAJ NOVAĴOJ

## BELGUJO.

**ANTWERPEN.** — *Suda Luno* prifestos dum la monato Majo la 5an datrevenon de sia fondo.

En la sama grupo, la kurso finiĝis la 3an de Marto. La 17an, S-ro JACOBS faros paroladon, kun lumbildoj, pri la Berna Kongreso. JAN.

**BRUSSEL.** — La *Federacio de la Bruselaj grupoj esperantistaj* havis la 22an de Februaro tre gravan kunsidon. Oni decidis i. a. fari propagandajn ekskursojn al Saint-Hubert, kie F-ino EMMER gvidos la membrojn, kaj al Namur, sub gvidado de S-ro TINANT. S-ro PIENS, estro de l'informoficejo de *Bruxelles Attractions* (19, Passage du Nord), kiu faris jam multajn servojn al nia movado, ĉeestis la kunvenon kaj promesis, ke li daŭrigos sian kunlaboradon. S-ro D' HAENENS, eks-lernejdirektoro, deklaris, ke li estas je la dispono de l'esperantistaj instruistoj por doni al ili senpagajn informojn kaj ilin gvidi en Brussel.

La 14an de Februaro okazis en la *Hôtel Ravenstein* la ĉiujara festo de l' *Cercle Polyglotte*, dum kiu S-ro MATHIEUX kun granda sukceso diris Esperantan monologon, *La Pipamanto*. M. A. J.

## ALIAJ LANDOJ.

**ANGLUJO.** — (1) Pro la bela sunbrila vetero ankaŭ la esperantistoj jam antaŭĝuas la venontan printempon ; ili pretiĝas propagandi denove, plenaj de printempa energio. La grupoj — similaj al burĝonoj — diversloke elkreskas kaj siatempe ekfloriĝos (inter ili novaj grupoj en Doncaster, Dunstable, Blackpool kaj Spen Valley).

La kursanoj de l' *Poŝta Esperanta Ligo*, kiu ankaŭ nelonge fondiĝis, bone progresas.

**SKOTUJO.** — La policestro de Edinburgh per oficiala raporto rekomendis la lernadon de Esperanto al la policanoj ; li disdonigis al ili 650 lernolibrojn. INTERIM.

(1) El letero de F-ino A. ŜEFER.